Jaro I (III). N.o 1 (9) Oktobro 1923

# Sennacieca Revuo

Oficiala Organo
de Sennacieca Asocio Tutmonda

## LITERATUR-SCIENCA ALDONO

Antaue „La Nova Epoko“

### ENHAVO:










Redakcio:
1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5.
Moskvo I (Rusio)

Administracio:
R. Lerchner, Colmstrasse 1, III
Leipzig-Stötteritz (Germanio)

# REDAKCIA ANGULO

Inter la dezirproponoj, akceptitaj dum la IIIa Kongreso de Sennacieca Asocio Tutmonda en Cassel, estis unu, kiu vokis, ke S. A. T. havu unuecan ĝeneralan eldonejon por aperigo de ĉiuj eldonaĵoj parencaj al la S. A. T.-ideologio kaj por ke ĉiuj fortoj de S. A. T.-anoj koncentriĝu tiurilate en unu loko kaj ne malŝpariĝu en aparta flanka laboro.

Kaj kiel jama realiĝo en la vivon de tiu-ĉi dezirpropono “La Nova Epoko“, forpreninte de “Sennac. Rev.“ ĝian literaturan kaj sciencan parton, cedinte siaflanke al tiu siajn movad-rubrikojn, jen aperas kiel memstara kaj aparta, sed samtempe nedeŝirebla parto de la tuto — en formo de speciala ĉiumonata “Literatur-Scienca Aldono“ de “Sennacieca Revuo“.

Gravaj kaj seriozaj restas la taskoj de l' eldonaĵo.

Pli forte kaj pli energie ĝi strebos ĉiujn penojn por kulturi la kampon de S. A. T.-ideologio. Precipe en la sfero de la literaturo kaj scienco — ĝi faros ĉion por firmapaŝe iri al la *sennacieca kulturo tutmonda.*

Ni ĉiuj klare prezentas, ke la vojo al la nova kulturo, kiun la idealo de ĉiuj revoluciuloj pentras ne nur kiel sennacieca, sekve — tuthomara, homeca, sed ankaŭ kiel senklasa, samkiel senklasa estos la sociordo laŭ nia idealo, — la vojo iras tra malfacilaj bataloj por la eblo konstrui tiun belan estonton; kaj ĝuste nia generacio travivas la epokon, kiam per la akra findecida batalado estas fundamentataj la bazoj de l'nova vivo, de l'nova sociordo kaj de l'nova kulturo. Ni ne povas kaj ne devas esti ekster la vivo, nia revuo respegulu ĝin plene per artepentritaj epizodoj de tiu batalo, per arte skizitaj bildoj el ĵuspasinta kaj forpasanta malfacila vivo de laborulo, vokantaj batali kaj labori por la nova kulturo, kies bildoj, eble iom revaj kaj fantaziaj, logante nin al la celo interplektiĝu kun la realaj, iafoje maldolĉaj, bildoj de l' moderna efektivo.

Ni vokas al kamaradoj ĉiulandaj: zorgu ke tiu respegulado de la vivo kaj de l'idealo estu laŭeble plena, kaj plej vaste kaj serioze kunlaboru en la revuo ne nur per tradukoj de apartaj fragmentoj el verkoj de nacilingvaj aŭtoroj, sed ankaŭ per siaj originalaj verkoj, celante transformi la sperton de ĉiu aparta individuo en la sperton de kolektivo.

Se la bela literaturo celas inspiri al la laboro, do la scienc-teknika fako de nia revuo havas la celon nin perfektigi en la laboro, doni en niajn manojn la sciencon, kiel la plej fortan rimedon de l' progreso, de la kulturo, kaj enposedigi al ni la teknikon, kiel la instruon apliki la sciencon en la laboro kaj vivo.



# DEDIĈO

## ERNST TOLLER

---

Krepusko, bonfara fratino de l' malliberigitoj, kiel estas
cia silento saturita per svinganta melodio!
Sur la mallarĝa bretlitaĉo mi kuŝas kaj aŭskultas.
Mi aŭdas vian koron bati, fratoj,
tie... kaj tie... kaj tie...
Enkarcerigitaj en la malliberejoj de ĉiuj kontinentoj,
en Atlanta kaj Nimes, en Kecskemet kaj Barcelona, en Kalkutta kaj Milano,
fratoj al mi: batalantoj, ribelantoj, revoluciuloj — mi vin salutas.
Mondon *ili* volas rifuzi al vi. Sed *via* mondo vivas en *via* volo.
Kaj vin mi salutas, fratoj en la malliberejoj de Afriko, Azio, Aŭstralio:
nigraj, flavaj, brunaj gardantoj de respektindaj pejzaĝoj,
subigitaj kaj senhonorigitaj de Eŭropa civilizacio.
Vin, fratoj en pundomoj kaj malliberejoj de la mondo,
vin, kiuj
kreskis en patruja mizero,
servutis en domo "malrajto",
dormis en lito forgesite,
vin, kiuj fariĝis ŝtelistoj, rompenŝtelistoj, mortigistoj kaj murdistoj —
vin mi salutas,
Kaj tion ĉi mi pensas:
Kiu povas pri si diri, ke li ne estas malliberigita, kvankam nenia krada
ejaĉo al li forrabas la ĉielon, kaj nenia muro ŝtelas al li la teron.
Mi aŭdas vian koron bati,
ie . . . kaj tie . . . kaj tie . . .
Ho, se mi povus aŭskulti per la potenca sentempa amo de revita Dio,
mi aŭdus
la egalan korbaton
de ĉiuj homgentoj.

El la germ. lingvo tradukis *K. Kozina (Vieno)*.

# *Letero de Ernst Toller*

*Tre ŝatata kamarado,*

*sed mi havas plenan komprenemon por via situacio. Mi tute ne estas ofendetita, male, signifas al mi grandan belan pruvon de via konfido, ke vi al mi prezentas la honorprezidecon por via venonta mondkongreso. Mi ĝin akceptas kaj volonte sendos la petitan artikolon.*

*Vi havas en tiu ĉi tempo, en kiu la naciismo pro la kulpo de la regantoj en ĉiuj kapitalistaj ŝtatoj festas orgiojn de l' frenezeco, klaran kaj severan taskon.*

*Oni ne iluziiĝu! La naciismo ne komencas novan disvolviĝantan vivon, ĝia nuntempa potenco estas la potenco de l' agonianto, kiu de fuŝkuracistoj ricevis stimulilon, kaj kiu, mortonte, ankoraŭ unu fojon, ŝajnigante forton, furioze stariĝas. La popoloj de Eŭropo, la popoloj de l' mondo estas* ***unu*** *popolo, kunligitaj en komuna sorto. La proletarioj de ĉiuj landoj scias tion, kaj ĉar ili tion scias, ili konas sian mision.*

*Vi kunhelpas, por pliprofundigi la ekkonon de la proletaria misio — al via laboro miajn sincerajn bondezirojn.*

*Kun plej bonaj salutoj,*

*Fortikaĵo Niederschönenfeld, 13. Julio 1923.* ***Ernst Toller.***

*La petitan portreton mi almetas.*

*ATENTIGO. Tial ke lia invitletero al A. EINSTEIN ne estis frue respondita, K.do E. Lanty ankaŭ sin turnis al TOLLER, petante lin, ke li bonvolu akcepti la honoran prezidecon de nia IIIa. Intertempe alvenis la respondo de Einstein, kaj tial nia IIIa S.A.T.-Kongreso en Cassel estis honorprezidota nome de tiu jama scienculo. Pri tio Toller devis do esti informata. Li respondis per la fena letero, kiun ni kun plezuro aldonas ĉi-tie. — RED.*

---

# LA MASTRUMO DE SINJORO COOL

ELIO ERENBURG

Ne kontentigita pri sia agado ideologia kaj filantropia, la Majstro decidis eklabori praktike. Antaŭ ĉio li rekomencis siajn kemiajn esplorojn; ekstreme pacience kaj persiste li penis trovi diversajn, ĝis nun ne utiligitajn, metodojn de hommortigado. Jam la venengasoj kaj la aparatoj kun brulanta fluidaĵo, pri kiuj li skribis en 1913 jaro, ŝajnis al li infanludo. Ĉiuj liaj esperoj estis direktataj al la konataj efektoj de radioj, de elektroondoj kaj al la radiumo. Estis forgesitaj la vikontinoj kaj markizinoj, tuttage li restadis senelire en sia kabineto. Li plendis pri manko de rimedoj — ĉe li mankis iaj tricent mil dolaroj, por ke li aĉetu la necesan por la eksperimentoj metalkvanton. Des pli grandajn malfacilaĵojn kaŭzis manko de materialo por la kontrolado, ĉar nek la kunikloj, nek la hundoj povis ĉi okaze anstataŭi la homon. Jurenito

sin turnis al la registaro kun la peto disponigi al li aron de militkaptitoj, sed pro antaŭjuĝoj oni rifuzis al li.

Iufoje la Majstro venis al mi gaja kaj vigla: malgraŭ ĉiuj malhelpaĵoj, li trovis rimedon, kiu multe faciligos kaj rapidigos la procedon de la homarekstermo. Li klarigis al mi la bazojn de la farita invento, sed pro mia denaska malkapablo por fiziko kaj matematiko mi nenion konceptis krom tio, ke per iaj lumondoj oni povas dumdaŭre de unu horo mortigi sur centkilometra batallinio ne malpli ol kvindek mil homojn. "Se tie ĉi estus sinjoro Cool, li helpus al mi efektivigi ĉi inventon!" — malĝoje ekkriis la Majstro, komprenante ke nek mi, nek Ajŝa povas prunti al li la necesajn rimedojn por preparo de la sufiĉe komplikaj aparatoj. Kaj turni sin al la registaro, post la ricevita rifuzo, li jam ne deziris.

Ni provis serĉi S.ron Cool en preĝejoj, en bordeloj, en kluboj. Ni petis informojn pri li en biblia societo, en banko, sed neniu konis lian adreson. Iufoje, plene malesperiĝintaj post senrezulta serĉado, sidis ni en malgranda restoracio apud la Norda stacidomo kaj drinkis vinaĉon, kiam altabliĝis soldato, ĵus alveninta el la fronto. Estis li ĉe la frontparto, apudanta la anglan, kaj rakontis pri ili multon amuzan: "Kiaj puraj kaj stultetaj ili estas! Unue, ili sin lavas ĉiutage! Kaj ne nur la vizaĝon, sed la tutan korpon! Nu, kion vi diros? Poste ili vizitas preĝejon kaj tie ĉiuj ili kantas, kaj tiel gaje, kvazaŭ ĝi estus en la fumkafejo. Poste, estas uloj, kiuj uzas ne la pantalonon, sed jupon. Antaŭe mi opiniis, ke ili sube portas tamen la pantalonon. Mi eĉ vetis iufoje kun kuiristino de angla generalo. Do ŝi observis sur ŝtuparo. Mankis! Ha? Poste, kiam ili alvenas, do tuj — kie estas la franca vino? Al unu oni donis vinagron, li fortrinkis sengrimace." Yes!" Kaj — hejmen revenante — ili vizitas parfumvendejon — por aĉeti donacojn al la edzinoj. En Amiens ĉiutage ili vicstaras. Kaj kion oni donas al ili: anstataŭ parfumo — kontraŭciman fluidaĵon, anstataŭ ilaro por ungflegado — segilaron. Stranguloj! Kaj krome — anglaj aviadistoj terenĵetas sagojn, kaj sur la sagoj estas surskriboj, himno verŝajne. Jen rigardu, mi kunportas unu, kiel donacon al la filo!" La soldato montris al ni la sagon, sur kiu angle estis skribita: "Frato, eniru la regnon Dian!" Vidinte tion, la Majstro, pleje emociita, ekkriis: "Ĝi estas de S.ro Cool! mi scias!" Kaj li ekkuris al angla konsulejo por vizi siajn pasportojn.

Dum kelkaj semajnoj ni serĉis la postsignojn de S.ro Cool en la milita ministerio kaj en diversaj provizumaj departamentoj. Mi ne dirus, ke ĉi okupo plaĉis al ni. Oni suspektis nin pri germana spionado, oni arestis nin, detale juĝesploris nin, interesiĝante, pri kio sin okupis en 1898 jaro la boonklo de Jurenito, loĝinta en Meksiko, kaj ĉu mia kuzino havas en Novgorod-Seversk[1]) propran nemoveblaĵon. Poste oni devigis nin larĝe malfermi la buŝojn, serĉante en ili ion, krom la dentoj kaj

(1) Urbo en Rusio. *Rim. de l' trad.*

la lango, oni lavis nin per iu malbonodora fluidaĵo, per kiu estis aperigenda supozata skribaĵo, kaj fine, post energia intervenó de l' meksika konsulo — oni nin liberigis. Rekompence, ĝuste en la arestotago, ni eksciis la adreson de l' uzino produktanta la sagojn por aeroplanoj en ŝtato Missouri.

Ni sendis senprokraste kablogramon laŭ la montrita adreso, kaj la Majstro estis tiom certa pri tio, ke la sagoj estas produktataj kun partopreno de nia amiko, ke la kablogramon li adresis al lia nomo. La respondo ne venis kaj ni decidis iri Amerikon. Du horojn antaŭ la foriro de nia ŝipo la Majstro ricevis telegramon el Calais: "Mi atendas. Hotelo Britannique. Cool."

Ni trovis S.ron Cool dum la pleja laborstreĉo. Salutante nin per ekkrio "he!" kaj per energia movo de l' piedo, kuŝinta sur la skribtablo, li petis ĉe ni permeson fini la plej urĝajn aferojn. Ni eksidis, aŭskultante liajn interparolojn kun diversaj homoj, vizitantaj lin, ĉu per telefono, sed mi neniel povis kompreni, pri kio sin ĝuste okupas la entreprenema amerikano. Rekompence mi eksciis, ke en Aŭstralio la ŝafoj suferas iun infektan malsanon, ke aŭtomobiloj "Bermon" havas 108 konsistpartojn, ke hispanaj knabinoj estas sufiĉe harditaj, ke larmigaj gasoj estas malmultekostaj kaj multajn aliajn sciaĵojn.

Forlasita de la lasta vizitanto, kiu ial alportis grandan rondan fromaĝon, S.ro Cool dediĉis sin al amikeca interparolo kun ni. Antaŭ ĉio, montrinte per la mano orienten, paĉeme, eĉ iom patriarkece li diris: "Grandan mastrumon nun mi havas, apenaŭ mi sukcesas. Ho, amikoj miaj, kiele granda afero estas la milito — ĝi estas sanigo de Eŭropo!" Poste li konatigis al ni diversajn fakojn de sia mastrumo. Li estis liveranta ĉion, kion povas produkti la kvin mondpartoj. Ĉiutage en Calais, en Boulogne, en Dieppe estis malŝarĝataj dekoj da vaporŝipoj. El Aŭstralio estis venigata ŝafaĵo, el Ameriko — kanonkugloj kaj aŭtomobiloj, el Brazilio — kafo, el Ĉinio — rizo, el Norda Afriko — malaltkreskaj azenoj. Krom porŝtata liverado li estis private iniciatanta, antaŭ ĉio en sia amata fako: en postfrontaj urboj li aranĝis grandskale bordelojn por priservo de militistoj. Ĉar la lokaj fortoj ne estis sufiĉaj, li estis veniganta la virinojn el Irlando, el Hispanio, el Sud-Francio. Poste li funkciigis fabrikon de malkaraj vitroperlaj tombkronoj kun naciaj insignoj. Fine, ne forgesante sian ĉefan, profunde moralan celon, li organizis vicon da moveblaj tendopreĝejoj, adaptitaj ankaŭ por kinoseancoj kaj por teo-regalado al soldatoj, li presigis kaj disdonigis grandkvante edifajn komentarojn al Biblio kaj eĉ sur la produktataj por la ŝtato sagoj li uzis ruzon, dank' al distreco de l' oficiro ilin akceptanta, por fari sian esperigan surskribon.

Sian rakonton S.ro Cool finis per la vortoj de profunda espero: "La milito rebonigos la homaron. Neniam la dolaro kaj la vorto Dia estis tiel intime kunligitaj, kiel nun. En ĝi estas la garantiaĵo de l' savo"!

Sekvintan tagon S.ro Cool decidis montri al ni almenaŭ iom sian "mastrumon". Ni ricevis necesajn paspermesojn kaj ekvojaĝis aŭto-

mobile laŭ la direkto al Saint-Paul. Laŭ la longa rekta ŝoseo sin trenis aro da ŝarĝaŭtomobiloj kun la donacoj de S.ro Cool, kun kanonkugloj, viandaĵo, maŝinpafiloj, densigita lakto, bandaĝoj, venengasaj aparatoj kaj ankaŭ kun tiuj, por kiuj ĉio ĉi estis destinata — kun la venintaj el Anglio soldatoj. Renkonten al ili veturis malplenaj ŝarĝaŭtomobiloj, nur sur kelkaj kuŝis homoj finlaborintaj, bandaĝitaj kaj senmovaj. Ĉe vojkruciĝoj staris soldatoj-policanoj, tutsame kiel ĉe Picadillistreet kaj per flageto ili direktigis la movadon de l' aŭtomobiloj. Ĉio estis saĝa kaj genia en sia simpleco. La viandaĵo estis kuirata. La soldatoj manĝis la supon. La kanonkugloj estis ruligataj al la kanonoj. Poste, laŭ la minutmontrilo de horloĝo, la kanonoj estis pafantaj, la soldatoj estis elirantaj el la tranĉeoj por okupi la spacon de cent paŝoj. Post tio unuj estis enterigataj, la aliaj — bandaĝataj kaj kuŝigataj sur la ŝarĝo-aŭtomobilojn, la triajn oni denove manĝigadis. Estis forsendata raporto en la stabon. En la stabo estis kunmetata tutfronta raporto kaj el la stabo estis sendata nova ordono. Estis alvenigataj novaj soldatoj, kanon-kugloj, ŝafaĵo kaj tiel plu. Tio daŭris de tago al tago, dum monatoj, jaroj, kaj S.ro Cool, sentante sian partoprenon en la komuna afero, plenrajte povis fieri.

Poste ni ekveturis malantaŭen, al Rouen kaj tie ekvidis aliajn meritojn de nia amiko. En grandegaj tombejoj kun oftaj, rektlinie lokitaj tomboj, ni juĝis praktikecon kaj belon de liaj vitroperlaj tombkronoj. En urbeto, kie kazernis anglaj, francaj kaj belgaj taĉmentoj, ni admiris mirigan bordelon kun giganta viziteblo, kun potaga divido por diversaj nacioj kaj kun modela bonordo. Kaj ni estis profunde kortuŝitaj de religiaj predikoj, kiujn direktis kunlaborantoj de S.ro Cool al soldatoj, pace viŝantaj per herbaĵo siajn bajonetojn post la laboro finita! Ili parolis: "Fratoj! Estas dirite — ne mortigu! Mortigo estas malpermesita kaj ĝin oni punas per malliberigo, sed defendi sian patrion kaj obei siajn estrojn estas devo de ĉiu kristano. Fratoj! estu patriotoj, ekstermu la malpiajn malamikojn de Kristo — la teŭtonojn. Kaj ankoraŭ — ne trouzu alkoholaĵojn!" Entute ĉio ĉi estis profunde kortuŝa kaj memorigis al mi malproksimajn bildojn pri la malriĉa Francisko, interparolanta kun kamparanoj de Umbrio.

Dankinte S.ron Cool por la plezuroj, Jurenito konigis al li sian inventon kaj siajn esperojn. Miamire, S.ron Cool ne nur ne ĝojigis la genia invento de l' Majstro, sed lin eĉ kaptis premiteco." Mi petas vin, kara amiko, — diris li al Jurenito — al neniu vi diru pri via invento, ĝis venos la tempo de neceso. Ja, se tiel simple kaj facile oni povas mortigi homojn — la milito post du semajnoj estos finiĝinta kaj la tuta mia komplika mastrumo pereos. Kaj mia patrio dume nur intencas ekmiliti. Ni konservu tion por la ekstrema okazo. Mi ebligos al vi konstrui viajn aparatojn, se vi promesos al mi dume ne uzi ilin!" Iom pripensinte, la Majstro konsentis. Li diris, ke efektive ĉio, kion li vidis dum la lastaj tagoj, meritas evoluigon kaj akcelon. Mi scias, ke baldaŭ post tio la aparatojn li konstruis kaj lasis ilin por konservi

ĉe S.ro Cool. Kiam post forpaso de unu jaro, li ekdeziris fine ilin utiligi, S.ro Cool komencis ĉiamaniere prokrastigi tion, kredigante ke li forveturigis la aparatojn al Ameriko, ke ne estas eble komisii al iu ajn venigi ilin, kaj ceteron. Mi opiniis, ke S.ro Cool estis gvidata tiurilate de konsideroj financkarakteraj, sed iufoje li konfesis, ke germanoj estas finvenkeblaj per francaj bajonetoj, kaj ke la artifikaĵojn de Jurenito estas pli bone rezervi por japanoj. Estonte la cirkonstancoj estis tiaj, ke la Majstro neniam estis rememoranta pri ĉi invento, sed ĉiaokaze — tion mi scias ĝuste — la aparatoj kaj la klarignotoj troviĝas nun en la manoj de S.ro Cool.

El rusa lingvo tradukis *G. Dem.*

La enpresata fragmento prezentas unu ĉapitron el la romano de E. Erenburg "Eksterordinaraj aventuroj de Julio Jurenito (prononcu Ĥulio Ĥurenito) kaj de liaj disĉiploj en la tagoj de l' paco, de la milito kaj de l' revolucio". La aŭtoro, antaŭe komunisto kaj nun anarkiisto, pentras en sia romano la okazintaĵojn de l' 1914 ĝis 1919 j. j. kaj kondukas legantaron tra ĉiuj Eŭropaj landoj, survoje montrante karakterizajn tipojn kaj trajtojn de l' kapitalisma reĝimo. Por igi la ĉapitron pli komprenebla necesas diri, ke Julio Jurenito, meksikano, nomata de siaj disĉiploj (aŭ pli ĝuste — kunvagantoj) — la Majstro, estas la ĉefheroo de l' romano. Ĉiuj el la disĉiploj prezentas karakterizan tipon de la ĉefaj mondlandoj. La enpresata ĉapitro pentras amerikanon — S.ron Cool (prononcu Kul) kun lia devizo "Dolaro kaj Dio". Ajŝa estas la nomo de alia disĉiplo — negro el Afrika kolonio. *Rim. de la trad.*

---

# *Mi ekamis*

*ALEKSIO GASTEV (J. DOZOROV)*

*Mi vin ekamis, ho bruo de fero,*
*Serena sonoro de ŝtalo kaj ŝton',*
*Lafo . . . kaj fajr' malkvieta, severa,*
*De himnoj maŝinaj ritmeco kaj ton'.*

*Kaj mi ekamis blovadon de via*
*Marego da radoj turnataj kun fort',*
*Tondrojn frapantajn kun bru' harmonia,*
*Novelojn severajn, fabelojn sen vort'.*

*Kaj mi ekamis trankvilon streĉitan,*
*Egalan vibradon de granda maŝin',*
*Volon harditan, per lukto armitan,*
*Ho mia amata kaj kara uzin'!*

*El rusa lingvo trad. N. Nekrasov.*



*C. MEUNIER* — *La industrio*

# LA LOKAŬTO

G. ĈORNY

En la granda malproksima urbo Berlin, en belega hotelo, en aparta ĉambro, ĉe granda rondotablo, plenĵetita per libregoj — sidis tri potencaj fabrikantoj.

Jam du monatojn ili ne foriris de la tablo, sed tage kaj nokte, tage kaj nokte ili foliumadis la librojn, foliumadis kaj ĝemadis, ĝemadis kaj kalkuladis.

— Tri milionoj da elspezoj, kvar milionoj da enspezoj — rezultas: unu miliono da "perlaboro".

— Unu miliono da "perlaboro"! Tio ja estas la unua kaj la plej malgranda cifero!...

— Aĥ, kiel aĉaj malriĉuloj ni estas!....

Kaj kiam unu fojon al la pli maljuna ektiklis ĉe la koro, li forĵetis de si la libregojn kun kolero kaj turnis sin al la ĉielo:

— Ho, vi plejpotenca "Malsato", nur vi sola povas nin helpi en nia mizero, ho, kie vin preni!....

La vortoj ankoraŭ estis resonantaj en la ĉambro — kaj jen subite ekmalfermiĝis la pordo kaj longa skeleto, kovrita per maldika verda haŭto, enĉambriĝis.

La tri potencaj fabrikantoj ektimegis; unu sin kaŝis sub la tablon, la dua enŝlosis sin en la ferŝrankon kaj la tria senlangiĝis.

— Ĥa, ĥa, ĥa! Kion deziras de mi la bonaj kaj estimataj fabrikantoj? Mi estas la "Malsato", kiun vi ĵus estis vokintaj....

Kaj el sub la tablo tremanta voĉo diris:

— Estu bonvenata, aĥ, kiel bone kaj ĉarme vi aspektas!... Sed, mia amiko, la tempo estas mono kaj tial mi tuj priparolos la aferon: en la malproksima, malvarma nordlando troviĝas urbo, ĉiam per fumonuboj kovrata, kaj en tiu ĉi urbo, mia amiko, vivas okdek mil da "manĝuloj", teruraj manĝeguloj!... Ili jam formanĝis de mi la haŭton kaj karnon kaj volas ankoraŭ (por ili malmultas) miajn mizerajn ostojn ĉirkaŭmordi....

Ankaŭ el la ferŝranko aŭdiĝis voĉo:

— Paco al la bonvenanto! Vi estas nia savanto! Sed tempo estas mono kaj mi ankaŭ tuj priparolos la aferon: faros ni, bonfrato, lokaŭton, vi havos laboron — kaj ni savos nian malfeliĉan ostaron.... Aĥ, kiel mizeraj malriĉuloj ni estas!... Rigardu mem, se vi volas, en la librojn: — tri milionoj da elspezoj, kvar milionoj da enspezoj — rezultas: unu miliono da "perlaboro".

Kaj ankaŭ tiu, kiu senlangiĝis, kompateme montris je la buŝo kaj ventro....

— Miaj malfeliĉaj fabrikantoj, — diris kortuŝite la skeleto, — mi estas preta vin helpi, sed mi konas viajn "manĝulojn". Mi estas ĉe ili ofta gasto. Ili malmulte min ektimos....

— Sed ili ankaŭ havas edzinojn! — diris tiu el sub la tablo.

— Ankaŭ infanojn ili havas! — diris la dua el la ŝranko.

— Infanojn... edzinojn...— ankaŭ la senlangulo montris per la fingroj.

— ?!....

Post malmulta pripensado la skeleto diris:

— Bone, miaj malfeliĉaj fabrikantoj... La lokaŭto estas decidita... Mi iras al la laboro...

Kaj kiam la "Malsato" malaperis — unu elrampis el sub la tablo, la dua elsaltis el la ferŝranko kaj la tria retrovis la langon.

---

Kaj la tri fabrikantoj sidas ĉe si en la ĉambro, foliumadas la librojn, foliumadas kaj ĝemadas, ĝemadas kaj kalkuladas....

Kaj kiam ekestas noktomezo, unu subtabliĝas, la dua enŝrankiĝas kaj la tria senlangiĝas....

Tiam la pordo malfermiĝas kaj la skeleto envenas:

— Amikoj aŭ miaj kunhelpantoj! Hodiaŭ tie en la urbo, kiu estas ĉiam per fumonuboj kovrata — tridek "manĝuloj" mortis pro malsato... Kiajn kondiĉojn mi nun postulu?....

Kaj el sub la tablo, kaj el la ferŝranko, kaj ankaŭ la senlangulo per la manoj respondas kune:

— Dekokhoran laboron en plentago, unu fojon nur manĝi, tridekprocentan malpliigon de l' salajro....

Kaj ree sidas la tri potencaj fabrikantoj, unu sub la tablo, la dua en la ŝranko kaj la tria sen la lango.

Kaj ree precize noktomeze la skeleto enĉambriĝas:

— Paco kaj beno al miaj kunuloj! Hodiaŭ tie en la urbo mortis pro malsato ĝis cento da manĝuloj... Kiajn postulojn mi nun starigu?

Kaj du voĉoj, ankaŭ la mano de l' tria, respondas kune:

— Kvindekprocentan malpliigon de l' salajro, nenion manĝi, kaj dudekkvin-horan laboron en plentago...

— Ĥa, ĥa, ĥa! Vi, miaj bonaj fabrikantoj eraris. Plentago konsistas nur el 24 horoj!

— Nia plejamato, ni ne eraris. La horon ni dekalkulos de la salajro...

Kaj la ĉiopova "Malsato" kontenta malaperis.

El juda lingvo tradukis *J. Jurysta.*

---

# La poezio de atakanta imperiismo

V. M. FRIĈE

Influite de la malnoviĝanta kapitalismo, kiu akrigis la rilatojn inter apartaj landoj kaj venigis la neceson pri akirado de kolonioj, formiĝis en la regantaj klasoj — apude kun amorala estetismo — alia spirithumoro — militema imperiismo.

Komparante en 1904 jaro la anglan literaturon fine de XIX kaj komence de XX jarcentoj kun tiu de la unuaj jaroj de Victoria-regado, la recenzisto de l' revuo "Contemporary Rewiew" rimarkigas:

"L' antaŭa literaturo estis kosmopolita, la moderna, kontraŭe, estas imperiisma. L'antaŭa estis agordita filantropie kaj predikis la ideon pri la proksimiĝo de l'orepoko, kiam milito, kontraŭ kiu protestas la prudento, malaperos, kiam libera kaj ĉionampleksanta komercligo unuigos ĉiujn popolojn en unu frataron. La moderna literaturo ne plu dorlotas tiajn esperojn kaj revojn. Ĝi, male, laŭdas la farmanierojn de barbartempoj kaj admiras militon. Ĝi volus enigi l'anglan kulturon "ne per disvastiĝo de ideoj, sed per ekstermo de malamiko".

Inter la anglaj imperiistoj estas kompreneble ankaŭ ti-kiuj (ekz., Watson) al perforta konkero per glavo preferas ĝuste pacan disvastiĝon tra la tuta terglobo de l'anglaj "ideoj".

Tamen la plimulto estas adeptoj de perforto kaj glavo.

Inter la militeme-patriotaj kantoj de Henley, titolitaj "Lyra Heroica", eble la plejan famon ĝuas lia "Himno al la glavo". "Sekvu min, falĉistoj! Levu la falĉilojn ti-kie maturiĝis frukto, venigu kun vi abunde la garbojn de suvereneco. Estu min-indaj filoj. Mi estas glavo, mi — pereiganto kaj kreanto, mi — reĝo kaj apostolo, mi estas glavo!"

Tuj post Henley sekvis tuta vico de poetoj — imperiistoj, bardoj de Anglipotenco, panegiristoj de ĝia nevenkebla militistaro, apostoloj de ĝia mondregado, nome: Ch. Williams ("Songs for soldiers"), kaj Watt-Danton ("England stands alone" kaj al.), Newbolt ("Admirals all" kaj al.), kaj E. Cholms ("For Englands sake"). Eĉ la kreinto de Cherlock Cholmes humoristo Conan Doil militeme ekpozis ("Song for action") kaj unu el liaj soldatbaladoj ("Ballad of the Rank") iĝis popolkanto. Precipe alte leviĝis l'ondo de imperiisma liriko en Anglio post la boera milito — aperis bardoj eĉ de Kitchener kaj aliaj lordoj.

Puritano — pesimisto Kipling iĝas imperiisto. Li estas ne sole poeto, sed aŭkaŭ filozofo de l' imperiismo. Ĉar, liakonvinke, dio alte misiis anglan nacion vastigi civilizon inter malsuperaj rasoj, tial soldato estas ne nur

siaspeca armilportanto de la kulturo, sed ankaŭ ilo en la di-manoj, kiun dio uzas por montrita celo kaj kiun li neniigas, postkiam ĝi estas jam forludinta sian rolon. Tial ne decas rilati al soldato tiel fiere, kiel tion faras angloj. Li ne estas "Thom Alkins", sed — Service Man. Neniu el la anglaj poetoj faris tiom por repravigi antaŭ la socio la soldaton kaj neniu ekrigardis tiel profunde lian animon kiel nome Kipling en siaj soldatkantoj (komence en "Barrack Room Ballads", poste en "Service Songs" en la versaĵaro "The five Nations"). Nur al Kipling prosperis tiu miraklo, ke tri simplaj soldatoj (herooj de liaj hindiaj rakontoj) ekpovis en simpatio de publiko konkuri kontraŭ ĉiamaj herooj de l'angla beletristiko — la bonedukita ĝentiluloj.

Boera milito vidigis al Kipling la mankojn de l'angla militorganizaĵo, kaj li fariĝis varma ideano pri kreo de bona terarmeo laŭ maniero de tiu kontinento. "Se eĉ la milito estis senglora — rimarkigas li en unu el siaj versaĵoj, — ni lernu. Iu pli ni koncentriĝos sur tiudirekta laboro, des pli firma estos la sukceso. Estu ĝi moralo niaflanke, sed ĝi estas moralo imperiisma kaj ĝi havigas al ni la regadon super la mondo".

Se en 1905 jaro l'imperiismo ekmalkreskis en Anglio, tamen en Francio ĝuste lastatempe la doktrino estiĝiş moda. Pri imperiismo parolas la revuoj (ekz. "La Renaissance Contaimporaine"), ekaperas ankaŭ speciale-imperiismaj revuoj (ekz. "Montjoie"). Estas eĉ diskutata la problemo pri nova okcidenta imperio, kiu devus inkluzi ĉiujn landojn de Mediteraneo, Italion, Francion, Hispanion, Nord-Afrikon, eĉ Grekion, kaj kiu havos sian centron en Parizo (Sauvebois). Dume la franca imperiismo havas, cetere, pacan, kulturan kaj artistan karakteron. En sia libro "L'imperiismo franca. Sub kelta kverko" Reboul substrekas, ke estas pli bone regi en la sfero de ideoj kaj konoj, ol per glavo en la mano. Sama paca spirito penetras esence ankaŭ la predikon pri supereco de la romanida raso, kiun R. Canoudeau faras en siaj romanoj.

Pli batalema spirito penetris la modernan germanan literaturon. Unuj verkistoj pentras l'epokon de la franca-prusa milito, celante rememorigi al publiko pri la granda "fera jaro" (W. Blöm — „Das eiserne Jahr"), pri la glora venko (Zobeltiz — „Der Sieg"). La trilogio de W. Blöm pri la 1870 jaro, verkita sen manko de talento, penetrita krome per senduba simpatio al la venkita Francio, estis lastatrijare en Germanio la plej legata libro kaj disvendita en la kvanto de pli ol 100 000 ekzempleroj. Aliuj verkistoj, celante krei ĉe la leganto militeman humoron, skizas epizodojn de elpensita ter-kaj marmilito kontraŭ Francio, Rusio kaj Anglio, tamen tiel reale, kvazaŭ ĝi jam estas okazinta fakto, ili pentras heroagojn, faritajn de oficiroj kaj vicanoj, de aviadistoj kaj maristoj (Heidemark: „Männer"; v. Bernstroff: „Ran an den Feind"). Se fine de XIX jarcento la germana literaturo celis diskreditigi la oficiraron kaj kazernon, kontraŭe lastatempe estas rimarkata evidenta tendenco havigi aŭreolon al la militista kasto.

Precipe militema spirito penetras la modernan italan poezion. Jam en la unua manifesto, aperigita de Marinetti, estas substrekita, ke futurismo kantos "militismon", ĉar "la milito estas la sola pachigieno". Ankaŭ la manifesto pri futurisma muziko igas devo de komponistoj atente aŭskulti bruojn, proprajn al la moderna milito. Fine en sia politika manifesto la futuristoj postulas, ke "l'itala monarkio levu la nacian fieron, preparante militon" (kontraŭ Aŭstrio). Estas tre karakterize, ke dum siaj unuaj debutoj (en Milano, Parizo) la futuristoj (precipe Marinetti) agitadis ne sole

je nomo de nova arto, sed ankaŭ je tiu de la milito kontraŭ Aŭstrio (vidu la libron de Marinetti pri futurismo). Kiam dum sia lekcio en Milano Marinetti ekparolis pri la milito kaj iu el la ĉeestintaj laboristoj ekriis: "For la patrion" — Marinetti interrompis lin per la vortoj: "Jen la unua paragrafo de nia programo: Vivu la milito!".

Al tiu ĉi agresive-atakanta programo de la italaj futuristoj plene konformas ankaŭ ilia poezio.

En "La motorkantoj" de Folgore estas pentrataj kirasŝipoj, sur kiuj la maristoj kantas militemajn kantojn; kanonoj pretaj renkonti malamikon kun mortiga saluto; ŝipfarejoj, kie estas konstruataj torpedŝipoj, submarinoj, kunportantaj neatenditan pereon; batalkampoj sangsaturitaj ("Sulla tolda", "Sull'affusto", "Il cantiere", "Il sottomarino", "La battaglia"). Bardo de la milito estas ankaŭ P. Buzzi. Al li apartenas, interalie, "Himno al la milito" (en la versaĵaro "Aeroplani"). Troviĝante en Kiel — haveno, li imagas kiel la italaj kirasŝipoj ekbatalas kontraŭ la germanoj, kiel sur la lastaj ekflirtas la venkoporta flago de sankta Marko kaj kiel tra la universo vastiĝas "eĥo de la latina venko" ("Nel porto di Kiel").

Samtia poeto de l'milito estas ankaŭ Marinetti. Dum la Tripolia ekspedicio li estis militkorespondanto kaj poste li kantis „la gloran livian militon" (laŭ esprimo de Giolitti) en la poemo "La bataille de Tripoli". Jen kiel li kantas, ekz., mitralilon: "Nu jes, eta mitralilo, ĉarma virino, malbonsigna kaj dieca. Vi similas ankaŭ al gestanta tribunulo, frapanta per nelacigebla elokventa parolo la korojn de emociitaj aŭskultantoj. Vi estas ankaŭ ŝtala platigmaŝino" ktp. Kiam eksplodis la Balkanmilito, Marinetti refoje iris al militfronto kaj tie ĉe li formiĝis definitive la koncepto pri nova stilo de "paroloj en libero" kaj de "senfadena imagado".

La poezia stilo de futurismo estiĝis tiamaniere sur la batalkampo, kio estas treege karakteriza.

Futuriston interesas ĉe la batalkampo ne ti-kio fiksas la atenton de poeto "pasintisto". La lastan emociigus suferoj kaj ĝemoj de vunditoj. Marinetti konigas, ke estante ĉe la militpozicioj en Afriko li spertis sur si mem, ke la batalbildo estas tiom bela, ke oni tute ne rimarkas la homsuferojn. Pli ol vivantan homon la futuristo atentas pri militmekaniko: "detruiloj, strategiaj pozicioj, atmosferaj kondiĉoj". Kaj Marinetti kun fiero deklaras, ke se li dediĉis, ekz., al mortpafo de spionoj en sia libro "Zang-tumb-tumb" nur kelkajn vortojn, tamen li disponigis tutajn paĝojn al interparolo de du turkaj generaloj pri precizo de alcelado kaj pri celtrafo de malamika pafado.

La imperiismo celas ne sole regadon de unu nacio super ĉiuj ceteraj, sed ankaŭ akiron de novaj kolonioj, necesaj por ricevado de krudaĵoj kaj por vendado de industriaĵoj.

Tial en la moderna eŭropa literaturo renkontiĝas ĉiam pli ofte figuroj de koloniigistoj, aneksantaj al sia metropolo malproksimajn landojn.

Tia estas Corrado Brando en la dramo de G. D'Annunzio "Pli forta ol amo". En li vibras la pasideziro malkovri novajn landojn, penetri en la profundon de la neesplorita Afriko. "Sendu min al morto, — li diras al sia amiko, — diru, ke por mi estas preparata tombo en la lando, kiun neniam surpaŝis blankulo. Mi iros senhezite, mi iros ĝojegante". Tamen li estas ne nure scienculo vojaĝisto, li volas subigi al la potenco de sia patrio tiujn misterajn, de neniu konatajn, landojn. "Se vi almenaŭ unufoje emociiĝus pri ti-kio min emociigis, kiam ni, pasinte Imi, eniris nekonatan landon, kiam la virgan teron surpaŝis itala piedo"... "Mi havas penson, — li konfesas al

la amiko, — fiksan penson. Mi volas, ke Italio povu diri la vortojn de antikva romano "Teneo de Africa" — "Mi posedas cin, Afriko".

Ĉar la itala registaro ne subvencias la novan ekspedicion, Corrado Brando mortigas maljunan riĉulon kaj por ne trafi en la manojn de justeco, li sin mortigas. L'apoteozo de la itala koloniigisto tiamaniere sonas samtempe, kiel akuzo kontraŭ la itala registaro, tro malmulte zorganta pri kolonia potenco de Italio.

Alia tipo de koloniigisto estas montrita en la romano "Rust" de Henke La germana kritiko deklaris tiun verkon "la unua (vera) prikolonia romano en la germana literaturo".

Kompaniulo de Hamburga firmao, ekslaboristo Rust hazarde prosperas malkovri sur la Suda oceano nekonatajn al eŭropanoj, fabele ĉarmajn Simsiniajn insulojn. Li ekloĝas inter sovaĝuloj kaj civilizas ilin. Li ne estas subpremanto, nek ekspluatisto, sed li estas instruisto kaj amiko de la praraso. La indiĝenoj adoras lin kiel gvidanton — patriarkon, kiu estigis ĉe ili "la senton de homdigno", instruis al ili "vivi kaj ĝui la vivon". Kiam li mortis, lia figuro daŭris vivi en la memoro de la insulanoj kaj sampatrianoj, kiel figuro de "reĝeca komercisto", kiu "vojaĝante sur maroj estis kuniganta la popolojn kaj landojn", kiel figuro de "saĝa semisto" kaj de "konstruanto de granda verko homara".

"Kaj super lia insulo flirtas nun larĝblovata de la freŝa vento la flago de l'germana patrio, kiu ne ĉesigos la penadon de sia filo kaj firmapiede ekstaros ĉe la Suda oceano. El la rusa tradukis N. Futerfas.

# LUKTO KONTRAŬ LA FABRIKA FUMO

Unu el venenoj de modernaj grandurboj estas la granda kvanto de fumo, eligata aeren de multenombraj industriaj entreprenoj kaj kaŭzanta gravan malutilon al la loĝantaro.

Esploroj montris, ke super ĉiu kv. cm. de tersurfaco la aero enhavas de 5 ĝis 25 tunoj da almiksaĵoj, kies plejparto estas konsistelementoj de fumo.

Inter ĉi konsistelementoj estas renkontataj tiaj venenhavaj gasoj, kiaj estas la klorhidrogeno, la sulfurhidrogeno, la sulfata anhidrado ktp. kaj kiuj efikas malutile al spirkanaloj de la homo kaj de l'bestoj, kaŭzante diversajn pulmajn malsanojn kaj kronikajn venenizojn.

Ne malpli malbone la fumo efikas je vegetaloj; krom la gasoj en ĉi okazo malutile efikas ankaŭ la solidaj konsisteroj de l'fumo (fulgo, cindreroj ktp.), kiuj surkovras per diafana tavolo la verdajn fogiojn de l'vegetaloj, ŝtopas iliajn porspirajn aperturojn kaj malhelpas al la vegetaloj ensorbi la karbonacidon el la aero kaj eligi anstataŭ ĝi la oksigenon.

La samaj solidaj fumeroj, estante pendportataj en la aero, prezentas el si centrojn, ĉirkaŭ kiuj precipe facile koncentriĝas vaporo. Jen tial estas tiom oftaj la nebuloj en la ĉirkaŭaĵoj de grandaj fabrikaj urboj.

Pro la malutila efiko de l'fumo oni jam delonge komencis fari provojn por ĝia senvenenigo kaj neniigo. Inter la tre multenombraj metodoj, proponitaj por ĉi celo apartan atenton meritas la elektra metodo.

Ĝi estas bazita sur la fenomeno de jonizado, kies esencon ni mallonge montru ĉi tie. Kiel konate, ĉiuj substancoj konsistas el molekuloj, kaj ĉi lastaj siavice konsistas el atomoj; la molekuloj en certaj kondiĉoj povas

malkomponiĝi je partoj — je grupoj de l'atomoj, — ŝargitaj unuj per pozitivaj, aliaj — per negativa elektro. Ĉi grupoj estas nomataj pozitivaj kaj negativaj jonoj. Malkomponigo de substanco je pozitivaj kaj negativaj jonoj estas nomata jonizado. Ĝi povas okazi pro la plej diversaj kaŭzoj, ekzemple: pro Roentgen-radioj, sunradioj, pro efiko de radioaktivaj substancoj, pro elektroŝargoj, pro alta temperaturo, iafoje simple pro frotado aŭ pro disŝprucado de akvo (ekzemple la aero joniziĝas apud grandaj akvofaloj).

La unuaj eksperimentoj pri la neniigo de l' fumo estis faritaj per aparato, montrita sur la fig. 1. La plej esenca ĝia parto estas metala rethava cilindro diametra je 6 mm kaj longa je 13 cm. Ĝi estas kunligita al la tero per metalfadeno kaj prezentas unu el la elektrodoj. La alia elektrodo estas la metalfadeno F, trairanta laŭ akso de l' rethava cilindro kaj fiksita per siaj ekstremaĵoj al la metalaj subteniloj M. Ĉi metalfadeno estas kunligata al poluso de elektromaŝino kun tensio je 30000 voltoj. Ekstremaĵoj de l' rethava cilindro estas fiksitaj al vitraj cilindroj, el kiuj la malsupra estas ligita al ankaŭ vitra ujo por kolektado de polvo. Per ventolilo la aparaton estas traigata malforta aerfluo, en kiu estas pendportataj diversaj solidaj polveroj (pecetoj de papero, stanfoliaĵo, silkaj fibroj ktp.). Dum foresto de l' elektrofluo ĉi polveroj estas kunportataj de l' aerfluo kaj moviĝas senorde en ĉiuj direktoj. Sed sufiĉas apenaŭ kontaktigi la metalfadenon al la elektrofonto kaj ĉiuj polveroj estas tirataj al la metalfadeno, ricevas tie elektroŝargon, kaj poste estas forpuŝataj al la rethava cilindro. Tie ĉi ili fordonos sian ŝargon al la tero kaj mem ili trairas la truojn de l' rethava cilindro eksteren, aŭ falas malsupren kaj kolektiĝas en la malsupra vitra ujo (sur la desegnaĵo — O,O). La polveroj, trairintaj la reton kolektiĝas aparte.



Fig. 1.
Aparato por eksperimentoj pri sedimentado de solidaj fumelementoj.

Provizoraj eksperimentoj montris, ke plej profite estas ŝargi la metalfadenon negative; en tiaj kondiĉoj la kvanto de l' sedimentita polvo atingas 95 ĝis 98 Procento el la tuta kvanto de pendportataj en la aero polveroj. En okazo de pozitiva ŝargo de l' metalfadeno ĉi procento malpliiĝas ĝis 70 – 80 kaj se oni uzas la direktŝanĝan elektrofluon, kiu igas la jonizitajn erojn ĉiam ŝanĝi sian movdirekton, ĝi malgrandiĝas eĉ ĝis 50 procento.


Fig. 2. Funkcianta tubo kun fumneniiga aparato.

Por sedimenti la solidajn konsistelementojn de l' fumo oni faras la rethavan cilindron sufiĉe grandampleksa kaj metas en la fabriktubon tutan serion da tiaj cilindroj. La efiko de tia apa-

rato estas montrita sur la fig. 2-a — maldekstre oni vidas la funkciantan fabriktubon antaŭ ol ĝi estas traigita per la elektrofluo, kaj dekstre — unu minuton post la enigo de l'fluo. Kiel montras la desegnaĵo, la fumo estas plene neniigata.

En Norda Ameriko kelkloke tiuj aparatoj estas uzataj, kvankam ilia aplikado ne estas vasta kaj havas certagrade la karakteron de eksperimentado. Sed la rezultoj, jam atingitaj ĝis nun, sendube montras, ke la problemo pri la neniigo de l'fumo estas proksima al sia finsolvo.

Esperantigis Gride.

---

# KULTURHISTORIAJ VAGADOJ

JOH. HELD

Multa potenco vivas, sed ne pli potenca ol homo. *Sophokles.*

Kiam ni entreprenas penetri per ĉi tiuj linioj en tiom ampleksan regionon, tiam antaŭ ni ŝvebas la penso: klare montri al nia legantaro la estiĝon de kulturevoluado ĉe klasikaj popoloj — Azio, Egipto kaj Sudeŭropo — kiel la plej malnova fonto de homara historio.

Ni juĝas kiel necesega konatigi nian sampensularon kun ĉi tiu ege malfacila materio, ĉar ĉiaj eklezaj dogmoj pri konfesioj radikiĝas en la tradicio de ĉiu tiuj antikvaj kulturcentrejoj orientaj. Kiel profunde tiuj, dum multmiljara generaciŝanĝo enpenetriĝintaj religiaj mitoj infektis la popolkorpon, ĝin faris ĉiutempe volema objekto de nelimigita ekspluatado, tion ni ankoraŭ nun sentas je propra korpo.

Popoloj venis, malaperis, restis sole la sklaveco.

Jes. Kie ajn la historio al ni permesas konkludi pri pasintaj tempoj, ĉie ni vidas ĉe unu flanko laboreman amason, kiu utiligas ĉiun akiraĵon de homarevoluo, kiu klopodas deŝiri de la naturo ĉion por la vivo bezonan, kiu krome ankoraŭ trovas tempon por idealoj kaj tiele — iom post iom — per malrapida suprenirado el sovaĝa barbareco batale trapasis al bonmora kulturhomo. Ĉe alia flanko ni vidas homojn tro inertajn por alporti per kreanta farado sian pecon por la komuna bonfarto. Ĉiamaniere ili provas certigi al si riĉegan vivon je kosto de agemuloj, provas fari sin reganta klaso per premado de sia kunhomaro. Tiel jam estis de "Olim"-a tempo, tiel ankoraŭ estas hodiaŭ kaj tiel restos, se la laboranta popolo, la produktanto, la portanto de ĉia kulturo ne lernos ekkoni la profundajn kaŭzojn de sia spirita kaj ekonomia servisteco, se ĝi ne penos alproprigi al si ĉiom da scio necesa por antaŭenpuŝi la proliberecan batalon de subpremita homaro.

*Scio estas potenco* kaj la ŝlosilo por solvi la socian problemon.

Nur spirite altstaranta homaro kapablas forskui la malnovajn ĉenojn de sklaveco kaj fondi novan, pli puran sociformon kies plej nobla tasko estas la bonstato kaj feliĉo de ĉiu el ĝiaj anoj.

*Forta estas de l'mono pastrar', sur la sabro sin apoganta,*
*Sed pli forta laboristar', la glavon de scio uzanta.* (Örter.)

Per ĉi tiu signo vi, senheredigitoj de la tero, venkos, jen estas la fortikaj radikoj de via potenco.

Kulturhistorio. Kion ni komprenas sub la kulturhistorio? Ĉu ekzistas diferenco inter ĝi kaj ŝtata aŭ monda historio ĝenerala? Jes, grandega. Lernejo inokulis al ni la ideon, ke mondhistorio estas verko nure de eminentaj personoj, de homoj rigardataj kelkiam eĉ kiel duondioj, kiuj kreis ĉion dank'al sia ĉion superanta kapableco, kaj ke sen ĉi tiuj "granduloj" la homaro ankoraŭ nuntempe vegetadus en la ligiloj de pleja sovaĝeco: dume la kulturhistorio instruas al ni evoluadon de la homaro pro ekonomiaj kialoj.

Kiel popolo vivas kaj laboras, kiel ĝi aranĝas siajn produktadon kaj ŝanĝon de produktaĵoj, tiela ankaŭ estos la nivelo de ĝia kulturo. Ĉar la homo volas vivi kaj por povi tion, sendube la problemo pri nutrado devas esti la ĉefa por li. Oni esploru plej detale ĉiun unuopan okazaĵon en la vivo de popolo laŭ veraj kaŭzoj kaj motivoj, kaj la atentema observanto ĉiam trovos, ke la stomakdemando estas risorto de ĉiu, eĉ plej forta, skuiĝo en popola vivado. Kiom pravas Marx dirante: "historio de homaro estas nura historio de homaj laboriloj kaj, koncerne tiujn, — la maniero de produktado."

Popolo vivanta sur insulo en soleca stepo aŭ sur altmontaro, barite de ĉiu interkomuniko kun la cetera mondo, laŭ nature neniam atingas tian kulturaltecon, kian atingas la homunuiĝoj vivantaj en ĉiamaj interilato kaj interŝanĝo kun aliaj nacioj kaj popoloj. Ĉiuj spertoj kaj akiraĵoj de gento aŭ popolo, ties spirita kaj ekonomia situacio, ties moralo en funkciado de la granda homarfamilio, ili estas kaj restos nuraj spegulbildoj de la evolukapableco en la kadro de l'tuta evoluado de "homo sapiens".

Kaj montri, ke preskaŭ senescepte laboro estas la fonto de ĉia kulturo, eĉ de la plej simpla, ke, kiel Mehring trafe diris "ĉiu historia vivo elkreskas de malsupre", ke ekz., vera historiisto pli ŝatas la faron de Kolumbo ol tiun de Napoleono, ke laboron de brikfaristo li juĝas pli valora ol tiun de la pleje instruita teologo — montri ĉi tion estu la tasko de ĉi artikolo.

Konkludi el pasinta je estanta aŭ venonta tempo estas eble nur se oni — sen antaŭjuĝo — serĉas la fontojn de la kulturhistorio, se oni enprofundiĝas ĝis lulilo de homaro. De niaj prapatroj vivadon kaj moralon, iliajn faradon kaj moron, kiel ekstrakton de ilia produktema agado esplori kritike — estas tasko inda ke ĉiu pensema laboristo fervore sin okupu pri ĝi.

Kaj nun, kara leganto, sekvu nin en grizan antikvon, lernu ekkoni la kulturon de niaj jam delonge malaperintaj praavoj, kulturon pri kiu ni hodiaŭ ne ankoraŭ bezonas honti. Ĉar la akiraĵoj de antikvaj orientaj popoloj, iliaj tradicioj kaj artoj estas lulilo de nia kulturo, al ili ni dankas la fieran superon de nia nuntempo.

*Pri homo prahistoria.* Vigla agemo de esplorantoj dum lastaj jardekoj ege pliigis nian scion pri la prahomo kaj ties eniro en la lumsferon de historiaj tradicioj. Kie antaŭe nuraj supozo kaj kombinaĵo estis eblaj, tie nuntempe, per elfosado kaj studado en la koncernaj landoj, certa fundamento de historia esplorado estas kreita. Ni ekkonis malaperintajn popolojn, pri kies iama estado nenio atestas, krom malnovegaj, disiĝintaj konstruaĵoj kovritaj de pli nova, sed tamen remalnoviĝinta kulturo.

En regionoj de historie plej maljunaj popoloj, ekz., egiptanoj, grekoj kaj aliaj, oni trovas konstruaĵojn, ilojn kaj tombojn, kiuj igas konkludi estadon

de multe pli antikvaj popoloj ankoraŭ ne kapablaj postlasi signojn de sia vivado, per skrib aŭ alia postlasitaĵo, popoloj malaperintaj en la torento de l'tempo, sen historio, sen tradicio.

*La homo de glaciepoko.* La unuan certan ekaperon de homo jam kapabla fari ilojn — kvankam primitivajn, el ŝtono aŭ osto por sindefendo aŭ ĉaso — determinas la prahistoriistoj en la diversajn periodojn de glaciepoko, la epoko de 500 mil ĝis 20 mil jaroj antaŭ nia kronologio. Jam dum terciarepoko, distingita per mirinda evoluado de l'mambestaro, sendube la homo apartiĝis de la bestaro. Ĉi tiun konjekton oni devas konsideri ĝusta, ĉar la glaciepokan homon ni trovas kiel jam iom perfektan homon, kaj ni scias, ke evoluado de simpla ĝis ĉionreganta cerbobesto — tia vi estas, homo, baraktu kiom ajn kontraŭ ĉi tiu fakto, ĝi estas nerefutebla vero — postulis nekalkuleblan tempon. Homo ne povis, kiel Pallas Athene, komplete armita eliri el la kapo de Zeŭso.

Kiel grava faktoro por preciza esplorado valoras nur la glaciepoka homo, kiu signojn de sia estado poslasis en formo de laboriloj kaj armiloj. Dum tiu tempo okazis la plej gravaj iam ajn faritaj eltrovoj: la estigo de l'fajro kaj ties uzado por homaj celoj, plue la farado de iloj el kaj per ŝtonaĵo. Fieru pri ĉiaj viaj inventaĵoj, vi—moderna kulturhomo, pri vaporo kaj elektro, pri aerŝipo kaj ĉiuj aliaj novaĵoj de eltrovfurioza tempo, ĉia via gloro paliĝas kompare al la nuda "sovaĝulo" de pli antikva ŝtonepoko, kiu, ankoraŭ duona besto, sen ĉiu teknika scio, ĉirkaŭata de malvarmo kaj danĝeroj, unuafoje per nerva pugno levis malmolan ŝtonon por ekbati, kiu eklernis utiligi de l'ĉielo fajrecan donacon por siaj celoj.

Ĉu estis tiu ginganta Prometeo, pri kiu Homero rakontis, ke li ŝtelis fajron de la dioj por ĝin porti al kompatindaj homoj nudaj, frostetremantaj, ĉar ili estis vekintaj lian kompaton, pro kio li estis forĝita de Zeŭso sur la rokojn de Kaŭkazo, kie vulturo manĝis ĉiutage lian hepaton, ĝis kiam diido Heraklo liberigis lin per sagpafo?

Tiumomente, ĉe la matenruĝo de l'homaro, komenciĝas la vera homiĝado, distingita per laboro. Kiam la homo, ankoraŭ sovaĝa, rampis tra teruroplena prakampo kaj mallumaj arbaroj, kio donis fortan armilon al lia brako? Estis la laboro, kruda ankoraŭ, kiel li mem. Ĉu povis esti aliel? Ĝuste la diversaj periodoj de glaciepoko ja devigis la prahomon adapti sin al la cirkonstancoj kaj elpensi rimedojn ebligantajn sukcese batali kontraŭ tiom kruda naturo. Naturo ne konas kompaton: aŭ adapto, aŭ pereo; neceso por batali, pliboniĝi, konstante labori estis ĉiama stimulo de ĉiu progreso.

Ve al ti-kiu malzorgas ĉi tiun naturleĝon: malprogreso kaj fina pereo estas lia sorto.

Ni vidas, ke en malpli varmaj terpartoj, kie homo devigite devas kontraŭbatali malkamikecan naturon, li pli intense, pli rapide supreniradis kulture ol tiu en varmega regiono, riĉege favorita de la naturo. En tiaj partoj de nia terglobo la enlandanoj plejparte ankoraŭ nuntempe vivas tre primitive, ankoraŭ laŭ sama kulturgrado kiel pra-eŭropanoj antaŭ centmil jaroj.

Tiuj nord-aŭstralianoj, kiuj ĝis nun ne formis komunumojn, sed parte kiel unuopaj familioj travagadas la landon, la Wedda'anoj sur Cejlono, kies lingva trezoro estas tiel malgranda, ke ili ne kapablas nombri ĝis 20, la ankoraŭ hodiaŭ ŝtonepokmaniere vivantaj kanibaloj en la montaro de Nov-Gvineo, kaj fine la pigmeo-popoloj de interna Afriko kaj Azio, ili ĉiuj montras al ni tro klare nian devenon. Al ĉi tiuj popoloj tropika naturo prezentas ĉion necesan por kontentigi la malmultajn bezonojn porvivajn. Pro tio ilia

persistado en naturstato, ilia apatio rilate al ĉiu instigo por estigi ĉe ili pli altajn postulojn por la ekzistado.

Aliel okazas ĉe la homo de malpli varma klimato: frutempe jam li estis devigata ekkoni la naturon, konstrui iom post iom sian memedukon, sian homiĝadon.

Per aspera ad astra. Longa tempo estis necesa por fari el kanibalo pratempa — en grava batalo pro ekzistado — estaĵon, kiu, ne flankenigita de okaza refalo, rekte antaŭen paŝadas la vojon al lumo! Laŭ la praaj ostrestaĵoj trovitaj en diversaj lokoj de Eŭropo kaj Azio, precipe en kaverno apud Krapina (Kroatio), ni sufiĉe certe povas konkludi, ke nia ŝtonepoka praavaro tute ne malŝatis bongustan homrostaĵon. Ankaŭ homĉasado — iutempe oni humane diras "milito" — okazis.

Kia vojo de ŝtonepokulo, kiu kuraĝe frakasis per pezega ŝtonhakilo la kranion de praurso kaj avide suĉtrinkis la vaporantan cerbsubstancon, al moderna kulturhomo, kiu fratece, per maŝinpafilo kaj gasgrenado, translokigas la "karan proksimulon" en alian, pli bonan mondon.

Al la malplej evoluinta "Neandertal"-homo, al tiu de Monstérien — ambaŭ gentoj de la unua ŝtonepoko — al ĉasisto kaj nigrulo de sekvinta intertempo, kiuj sen sidejo vagadis en la vastaj ebenaĵoj kaj montaroj kaj vivis sole per ĉasado kaj bredado de cervoj (nordaj)[1]) kaj sekve posedis plej primitivan kulturon, kiel eble la hodiaŭa negro en Aŭstralio, al ili sekvis la nemigrema troglodito de l'pli nova ŝtonepoko. Ĉi tie ni trovas pli altan kulturon, jam pliiĝintajn postulojn porvivajn. Armiloj, laboriloj, kvankam ankoraŭ ŝtonaj, montras jam multe pli precizan laboron, estas pli praktikaj kaj parte poluritaj potoj, ornamaĵoj kaj aliaj bezonaĵoj divenigas pli delikatan guston. Ankaŭ artbezono, kvankam ankoraŭ kruda, vekiĝis. Figuroj, ĉefe inaj (fetiĉoj, idoloj), desenaĵoj sur osto k. a. liveras al ni pruvon ke ŝtonepoka homo posedis porartan senton.

Kiam fine ni rigardas la mirindajn pentraĵojn sur la muroj de kaverno ĉe Altamira (Hispanio), pentraĵojn, en kiuj la ĉefaj ĉasbestoj de la tiama tempo (mamuto, praaj urso, ĉevalo kaj leono, antaŭ ĉio la bubalo) oftfoje mirige laŭnature estas desegnitaj, tiam ni devas konfesi, ke ni havas kaŭzon rigardi ĉi tiujn "sovaĝulojn" malpli neŝateme ol ĝis nun.

Tiuj loĝantoj de Dordogne en sudokcidenta Francio montras per sia postlasitaĵo al ni kulturaltecon nin mirigantan. Ĉi tiuj francianoj ne sole estis kuraĝaj ĉasistoj mortigantaj per siaj ŝton- kaj ost-armiloj plej egajn bestojn, kiel mamuto kaj urso, ili same estis, konsiderante tiaman tempon, eminentaj artistoj sciantaj perarte plibeligi sian mizeran estadon.

Tiuj homoj, nomitaj laŭ ĉefloko de la trovitaĵoj Cro-Magnon-gento, ekvekas nian apartan intereson, ĉar de kelkaj prahistoriistoj ili estas nomitaj kiel prapatroj de Eŭropanoj. Belegaj figuroj, preskaŭ du metrojn altaj, ideala kranio, kies cerbsubstanco de 1600 kubaj centimetroj superas la nuntempan eŭropan mezvolumenon. Ke tia popolo venke sin suprenluktadis, — estas kompreneble al ĉiu pensanta homo. Pli supren! Jen la signaldiro. Homarpenso antaŭen paŝas. Familiunuiĝoj iĝis gentoj. (Daŭrigota)

El "Neues Leben" (Nova vivo), ĵurnalo de liberpensula unuiĝo germana. trad. W. Vaas.

1) Kelkaj esploristoj asertas, ke la hodiaŭaj loĝantoj de ekstreme norda Norvegio estas restaĵoj de tiuj ŝtonepokmigruloj.

# ONI APLAŬDIS

## (LETERO EL NÜRNBERG)

Karaj amikoj.

Mi speciale ne vizitis la interesplenan kostumbalon — por bone skribi al vi pri la kongreso.

Inkon mi ne havas kaj skribas krajone. Mi komprenas, ke tiamaniere la letero perdas sian eternecon, kaj post kelka tempo ĝi fariĝos nelegebla kaj la estontaj historiistoj ne ekpovos skribi pri la XV kongreso esperantista. Des pli bone.

Mi ne skribos pri la tagordoj — vi ja havas oficialan informilon. Nur la impresojn kaj interparolojn kun la personoj, eminentaj per sia longedaŭra pri-per-por-pro-esperanta laboro, mi priparolos.

Kiam mi, starante sub la sankta signo de l'Espero, ĉirkaŭrigardis unuafoje la plenegan grandegan kongreshalon kaj aŭskultis solene kantatan — kun orgeno — nian himnon, mi estis preskaŭ kontenta. Nur la malbonega muziko de S.ro Ménil tranĉis la orelon.

Sur la scenejo sidis kelkaj dekoj da prezidantoj — de la estanta, estinta, estonta kongreso, de l'urba magistrato, de l'germana societo esperantista, de U.E.A., L.K.K., K.K.K. ktp., po kvin vic-prezidantoj apud ĉiu prezidanto kaj aliaj sinjoroj. Ilin oni kalkulis povagone. Ĝenerale — ĉirkaŭ tricent personoj sur nur la scenejo.

Ĉiu el ili devis toleri po 5000 manpremoj kaj subskribi ne malpli ol po 10 000 poŝtkartoj.

Ĉiu kongresano ekspedis almenaŭ du salutajn poŝtkartojn al si mem — unu por konservo, alian por interŝanĝo. Tiucele ĉe la kongresejo estis aranĝita speciala poŝtfilio.

Krome — ĉar ĉiu aparta peto pri subskribo postulis antaŭan preparkonversacion — ĉiu el ili estis torturata per la samaj demandoj:

— De kie vi venis?

— Ĉu bone estas divastigata en via lando nia lingvo?

Kaj simile... Fine sekvis reciproka entuziasma konkludo:

— Kiom bela, kiom facila, kiom sonora, perfekta estas nia kara, helpa, internacia lingvo!!!

Nun tamen ĉiuj ni sidis, premante sur ĉies seĝo kuŝantan paperfolieton de "Internacia Biblio-Studantoj' Asocio" kun alloga alvoko, ke milionoj da homoj, kiuj nun vivas, neniam mortos!

Nur viziti ilian paraladon. Eniro senpaga. Eterneco promesita kun garantio je kvin jaroj.

Komenciĝis la solenaj paroladoj, necesaj ĉe la solena malfermo.

Sinjoro von Frenkell (prezidanto de la XIV-a) solene parolis pri utileco de Esperanto kaj salutis la kongreson.

Sinjoro von Schulz (reprezentanto de prezidanto de la Germana Respubliko) solene parolis pri utileco de Esperanto kaj salutis la kongreson.

Sinjoro doktoro von Luppe (prezidanto de la urbestraro) solene parolis pri utileco de Esperanto kaj salutis la kongreson.

Sinjoro profesoro doktoro Ditterle (prezidanto de la XV-a) solene parolis pri utileco de Esperanto kaj salutis la kongreson.

Sinjoro profesoro doktoro Ledermann (presidanto de la loka kongreskomitato) solene parolis pri utileco de Esperanto kaj salutis la kongreson.

Sinjoro Schade (prezidanto de Aŭstria Societo Esperantista) solene parolis...

Sinjoroj, profesoroj, doktoroj, prezidantoj solene parolis...

Vi komprenas? Mi de-vis ĉi-on aŭs-kul-ti!...

Malgaje eliris mi el la kongresejo — kaj en la kapo sonoris ankoraŭ paroloj pri "ludiloj" de Nürnberg kaj aliaj "privataj" aferoj...

Vespere mi ĉeestis la kabaredon de "Literatura Mondo" kaj ĝi ĝojigis min. Bonaj, talentaj kaj seriozaj knaboj.

Post la kabaredo ni ambaŭ kun mia kunulo havis nian historian interparoladon kun nia esperanta Demosteno aŭ Cicero[1]).

Li estas sendube talenta homo kaj havas principojn. La ĉefa lia principo estas paroli kun ĉiu homo tiel, kiel al ĉi-tiu homo estas agrable; la dua — estas montradi sian personon en bela lumo.

Kvankam la plenumo de l'ambaŭ principoj estas tre malfacila, li ilin sekvas obstine. (L'espero, l'obstino kaj la pacienco...)

Ni parolis pri U.E.A. kaj pri diversaj aferoj.

Kiam mi kaj mia kolego esprimis ĉiu sian opinion pri la unua demando, nia kunparolanto konsentis kun ĉiu el ni, kvankam ni ne estis inter ni konsentaj. Li rakontis (turninte la kapon al unu el ni, konata kiel S.A.T.-ano), ke li kore simpatias al S.A.T. —kaj (turninte la kapon al la alia, konita kiel U.E.A.-ano) ke li estas fidela al la malnovaj Esp. tradicioj. Ke li estas (rerigardante unuflanken) socialisto en siaj konvinkoj, sed (rigardante novan Berlinan kostumon[2]) de de unu el ni) li komprenas, ke oni ne povas rapide ĉion enkonduki kaj ke sukceso ĉe la Ligo de Nacioj havas aktualan signifon. Kiam ni kune ekinsultis la Ligon, li insultis pli forte kaj klarigis, ke kelkaj agoj estas postulitaj de diplomatia neceseco.

Ni disiris tre kontentaj[3]). Simpatia homo.

---

La alian tagon — la 3-an de aŭgusto — estis la I-a laborkunsido. Ĉar ne ĉiuj bondezirsalutparoladoj estis finitaj dum la solena malferma kunsido, oni daŭrigis ilin dum la I-a laborkunsido....

Poste oni transiris al la programo. La tempo estis prezentita al la oficialaj raportoj de la ĉefaj Esp. institucioj, sed ĉar iliaj raportoj estis jam enpresitaj en la disdonita kongreslibro, la raportantoj (por ne ĝeni per tiaj prozaj temoj la entuziasmajn kongresanojn) nur ĝentile proponis diskutadon.

La diputado konsistis el tio, ke post ĉies laŭdo pri la prezentitaj raportoj ĉiuj aplaŭdis; oni aplaŭdis ankaŭ post ĉiu parolado kaj post ĉiu rimarko de prezidanto. Kaj post kiam li petis permeson transdoni la prezidantan seĝon al s-ro Stettler. Kaj post ĉiu vorto de Stettler.

La komenco estis je la 9-a. Ĝis la 10 h. 30 m. daŭris la salutparoladoj. Ĝis la 11-a oni parolis pri ordo. S-ro Privat eĉ petis, ke oni estu almenaŭ same atentemaj kiel ordinare en kinematografejo kaj ne parolu inter si tro laŭte kaj ne iradu tra la halo dum la paroladoj. Li proponis starigi apud

---

1) Pli vere — Cicer-ono!
2) 20 dolarojn!!
3) Ke ni disiris.

la pordo iun kompetentan personon, kiu komprenu, kiam oni laŭdas kaj kiam aplaŭdas (du faroj de la kongresanoj), kaj kiu enlasu en la Solenan Salonon la malfruiĝintajn kongresanojn nur post fino de laŭdoj kaj en komenco de aplaŭdoj. Estis farita. Oni aplaŭdis.

En la 12-a la prezidanto ĉesigis la kunsidon, petante ĉiujn esti precizaj en seriozaj aferoj kaj iri tagmanĝi. Oni aplaŭdis.

---

Samtage je la 5-a ni vizitis la kunvenon de ISA-Internacia Scienca Asocio. Jam estis post la komenco — la prezidanto jam finis paroli pri utileco de Esperanto kaj parolis pri neceso de la propagando. Mi lace aŭskultis.

Tamen sekvintatage — sabate la 4-an vespere — unu el ni ne eltoleris kaj eksplodis per la insulta parolado, kiam oni komencis paroli pri la enhavo de "Int. Sc. Revuo". Li elokvente diris, ke veninte Germanion li ekkonis multajn sciencajn gazetojn, sed bedaŭrinde ne esperantistajn. Sekvis ekkono de "Int. Sc. Revuo", kiu estas (vere) esperanta, sed bedaŭrinde ne scienca. Paĝon post paĝo estis pruvite, ke en la enhavo nur 2—3 paĝoj (el 16) tiuj de Wüster estas nomeblaj sciencaj, dum ĉio cetera estas sentaŭgaĵo. (8 paĝoj da opinioj pri Esperanto de diversaj ne-esperantistoj!) Ke oni ne devas propagandi. Ke oni devas vere science labori — aŭ fermi la gazeton.

Post tiuj vortoj la prezidanto kore dankis por la sincera kritiko kaj *nenion respondinte* fermis la kunsidon. (Tempo estis elĉerpita, oni devis iri vespermanĝi.)

---

Estis ankaŭ aliaj fakkunsidoj, plej strangaj kaj kuriozaj. Estis interalie ankaŭ la fakkunsidoj de la ligo de "Ordo" (sufiĉe travidebla titolo!) kaj la laborista. La lasta havis la halon plenigita ĝis ĥorejoj kaj preskaŭ pli da ĉeestantoj ol la ĝenerala kongreso mem. Estis evidente, ke la sukceso de la kunveno laborista estis subtenita plej ofereme ankaŭ el la aliaj fakoj kaj certe de la "ordemaj" samideanoj unualoke. Ilia speciale atentema rilato al ĉiuj diskutoj estis pentrita sur la vizaĝoj. Kaj nepre oni ĝoju, ke tiu multenombra ĉeestantaro tiom konscioze akceptis — en la neŭtralista kongreso! — rezolucion por STA *unuanime*[1]).

---

La 5-an de aŭgusto, dimanĉe, estis la plej agrabla tago de la kongreso: ĉiuj kongresanoj forveturis Rothenburg'on kaj mi sola promenis en la bela Nürnberg, kaj rigardis la urbon. Mi vizitis la kastelon kaj kriminalmuzeon. Starante apud la fama "fera sinjorino" mi metis en ĝin — en pensoj — ĉiujn aranĝintojn de tiu ĉi kongreso kune kun la kvin mil kongresanoj. Trankviliĝinte mi iris for, kontenta pri la pasigita tiel tago.

La 6-an la II-a laborkonsido devus okazi en granda salono. Sed de l' mateno la granda Salono estis preparata por la Solena Bankedo, kiu devus okazi je la 1-a. Tial la II-a laborkunsido komenciĝis je la 9 h. 30 m. en malgranda salono. La prezidanto elokvente (dum duonhoro) bedaŭris,

[1]) !?

ke oni devas kunsidi en tiom ne indaj kondiĉoj — en tiom malgranda salono. Oni aplaŭdis furioze kaj elokvente respondadis, ke por la laboro ĉiuj kondiĉoj estas same taŭgaj. Oni jam ekdeziris transiri al la laboro, kiam venis la deputitoj por protesti: apud la ĉambro staris la kongresanoj same dezirantaj labori, kiel la ĉeestantoj, — nur iomete malfruiĝintaj. Oni debatis. Oni parolis principe — ĉu estas la kunsido en tiaj cirkonstancoj rajtoplena? Oni protestis — ĉu rajtas la ĉeestantaro trudi sian volon al la tutmondo (t. e. al la tutmonda esperantistaro)? Oni klarigis, ke ĝenerale la kongresoj rajtas nenion decidi kaj nur aprobi aŭ ne.

Oni parolis ĝis la 11-a. Oni jam estis inklinaj daŭrigi sen la eksterstarantoj, kiam estis malfermita la *muro* (jes! ĝi estis levebla!) kaj ili ekaperis . . .

Je la 11-a oni komencis aplaŭdi al la raporto de Centra Komitato. Privat estis proklamita honora membro kaj parolis ĝis la 12 h. 30 m. Oni aplaŭdis ĝis 12.40. (Tuta ŝranko donacita!)

De la 12.40 ĝis la 1-a oni disputis, kion oni faru en la morgaŭa laborkunsido? Oni eĉ proponis daŭrigi la II-an post la tagmanĝo. Sed neeble — post la tagmanĝo devus okazi ekskurso al Schmausenbuck. Tiam oni proponis nomi la III-an kunsidon — la II-a; oni balotis kaj decidis, ke la II-a restu nomata la dua kaj ke la III-a estu nomota la tria. Post tiu grava decido oni fermis la kunsidon.

La solena bankedo estis brilanta. Ni, vegetaranoj, ricevis tiajn legomojn kaj la Nürnberg'a blanka vino estas tiom bona, ke ni estis kontentaj! Ankaŭ la viandomanĝantoj ricevis ion bonan, kaj la Nürnberg'a blanka vino estas ja mondkonata. Oni parolis serioze en la komenco, pli gaje ĉe la fino (la Nürnberg'a blanka vino estas bongusta). Oni aplaŭdis en la komenco, aplaŭdegis ĉe la fino. Oni finis la bankedon je la 3-a per solena plenumo de nia himno, kiu estis kantata per voĉoj eĉ pli laŭtaj, ol ĉe la solena malfermo (Nürnberg'a vino [la blanka] estas sufiĉe forta).

Eĉ la ekskurso al Schmausenbuck ne okazis — tiom interesa estis la bankedo. Sed ankoraŭ pli interesa ĝi montriĝis tagon pli malfrue, kiam estis proklamitaj ĝiaj rezultoj: 300.000.000 germanaj markoj da malprofito postulita de la restoraciestro pro nepago de l'anoncintaj sin mil bankedemaj kongresanoj!

Ne okazis ankaŭ daŭrigo de la laborkunsido, estis nur "Internacia recitado", dum kiu diversaj sinjoroj ekzercis sin pri ĝusta prononcado de Esperanto.

Vespere germanaj aktoroj en la Nürnberg'a Urba Teatro prezentis "Natan la Saĝulo"'n en Esperanto. Mi ĝenerale ne ŝatas la teatron, sed iris por aŭskulti bonan (por sia tempo) teatraĵon kaj ĉefe — aŭskulti Esperanton de la Scenejo.

La aktoroj, speciale lernintaj Esperanton por la kongresa prezentado, bedaŭrinde estis elparolantaj ĝin abomene — kiel la germanoj provantaj legi unuafoje: Zinjoro, zed, li albrogzimiĝas — ktp. Doloris orelo.

Oni aplaŭdis. Post ĉiu vorto. Dum ĉiu paŭzo. Post ĉiu kurtenfalo kaj kurtenlevigo . . . Furioze . . .

---

La III-a laborkunsido okazis la 7-an je la 9-a matene. Oni parolis pri Zamenhofa monumento, por kiu oni ne havas monon. (La solena bankedo donus duonon — kalkulo mia).

Pri helpo al la blinduloj kaj pri nova Komitato de K. R.
Pri demokratiĝo de la movado esperantista.
Pri duĉambra sistemo de l'administrado (UEA kaj KR), pri ties ministraro kaj parlamento.
Pri K. R. kaj poŝo, pri la komercistoj.
Oni parolis. Oni aplaŭdis.

— — — — — — — — — — — — — — —

Mi jam skribis al vi, ke mi ne vizitis la interesplenan kostumbalon — por skribi al vi tiun ĉi leteron. Sed oni diras, ke ĝi estis treege rimarkinda. Mi mem jam antaŭ la balo vidis kongresanojn kaj -inojn pupe ornamitajn kun terure grandaj kapbantoj kaj bluzmanikoj. Oni rakontis al mi, ke sur siaj roboj kelkiuj alkroĉis skribaĵon kun indiko pri nacieco de la portata kostumo. (La malfeliĉa sperto instruis respondi tiel al la konstanta, senĉesa demandado. Kompatinduloj!) Oni dancis kaj aplaŭdis...

La 8-an estis Solena Ferma Kunsido de la kongreso. Jam suprenleviĝante sur la ŝtuparo en la vestiblo, mi ekaŭdis bruajn aplaŭdojn kaj ovaciojn. Mi haltis ĉe la pordo.

Oni priparoladis la lokon de la venonta kongreso. Vere, oni ne ankoraŭ scias, kion fari dum ĝi — la organizado ja estas jam finita (UEA, KR ktp.), sed verŝajne ekzistas iaj belaj lokoj por laŭdi kaj aplaŭdi, saluti kaj disputi nepre unu fojon ĉiujare.

Iu sinjoro elokvente laŭdis la urbon Vieno por estonta kongreso kaj promesis loĝigi almenaŭ 10.000 kongresontojn. — Oni aplaŭdis... (!!!)

Alia sinjoro ne malpli elokvente laŭdis la urbon Sofio por estonta kongreso kaj anstataŭ loĝejoj poezie inkvitis ripozi sur la bulgariaj rozokampoj. — Oni aplaŭdegis... (!!!)

Mi turnis la dorson kaj foriris. Sufiĉe!

La saman tagon mi forveturis el Nürnberg.

Necesas aldoni, ke neniu vorto en mia priskribo estas malvera, kaj mi prenas al mi la respondecon pro ĝi.

Jen mi sidas, relegante la ĵus skribitajn liniojn, kaj respiras ankoraŭ la kongresajn sensaciojn. Kia estas ĝia esenco? Oni prezentis al mi la kongresinsignon, portitan de ĉiuj kongresanoj, kun la surskribo "XV" kaj turninte ĝin montris renversite: — "*VΛX*". Tio devus signifi la latinan vorton "PAX" = paco, kiel devizon de la XV-a!

Ŝajnas al mi nun, ke la tuta XV-a estis efektive tiu kripla, renversita "*VΛX*" × ne "PAX" natura.

Koran saluton mi sendas al vi, miaj karaj amikoj.

Bone komprenu miajn kongresimpresojn kaj faru la viajn. Respondu, se eble tuj, laŭ la adreso konata.

Ĉion bonan!

Nürnberg, aŭgusto 1923.



Tiel ni komprenas niajn taskojn. La unua kajereto montras, kiom grade ni sukcesis ilin atingi kaj la legantaro helpu al ni krom la kunlaborado ankaŭ per sinceraj kritikoj kaj kamaradecaj konsiloj, skribante al la redakcio siajn opiniojn pri jenaj demandoj:

1) Ĉu vin kontentigas la nuna aranĝo de la "Literatur-Scienca Aldono"? Se jes aŭ ne — kial? 2) Kion oni devas plibonigi en ĝi? Kial? 3) Kiajn temojn vi deziras vidi traktataj en la literatura parto? en la scienc-teknika fako? 4) En kiu fako kaj pri kiuj temoj vi deziras kunlabori? Ĉu per tradukaĵoj aŭ originalaĵoj? 5) Aliaj konsideroj kaj opinioj pri la revuo.

Ĉiujn korespondaĵojn al la redakcio de "Literatur-Scienca Aldono" oni adresu jene: Al "La Nova Epoko", 1a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5. Moskvo I. (Rusio)



## AL ATENTO DE ESP.A GAZETARO:

Redakcioj de esp.aj gazetoj estas petataj sendi interŝanĝajn ekzemplerojn kontraŭ la "Literatur-Scienca Aldono" (antaŭe "La Nova Epoko") laŭ la adreso: "La Nova Epoko", 1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5. *Moskvo* (Rusio).



## AL ATENTO DE RUSIAJ KAMARADOJ:

kotizaĵoj al S. A. T., abonpago al "Sennacieca Revuo" kaj "Literatur-Scienca Aldono" kaj mendoj de korespondanoncoj estas sendeblaj, kiel antaŭe, al "La Nova Epoko" (1-a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5, Moskvo I, Rusio), kie estas ankaŭ akireblaj ĉiuj eldonaĵoj de S. A. T., ĝia eldonkooperativo kaj de "La Nova Epoko".



## PLENAJ KOLEKTOJ DE "LA NOVA EPOKO"

(1 ĝis 7 kajeroj) estas mendeblaj ĉe la redakcio en Moskvo. Prezo: por malbonvalutaj landoj = 2 sv. fr.; por la mezvalutaj = 4 sv. fr.; por la bonvalutaj = 6 sv. fr.; la ekzemplerkvanto estas tre limigita.

# ELDONAĴOJ DE S. A. T.

Aĉeteblaj ĉe Administracio: R. Lerchner, Colmstr. I, IIIr.
Leipzig-Stötteritz (Germ.) Poŝtĉeka konto 6835

| | | Mk. g. | fr. fr. |
|---|---|---|---|
| **Goethe-Faŭsto I** trad. Barthelmess . . . | broŝ. | 2,50 | 5,— |
| . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | bind. | 4,— | 7,— |
| **Eklumo en Abismo** trad. Else . . . . . . | broŝ. | 2,— | 3,— |
| . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . | bind. | 3,50 | 5,— |
| **Ni legu** kompilita de Brunulo . . . . . . . . . | | 2,— | 3,— |
| **Tri verkoj de Tolstoj** trad, J. M. . . . . . . | | 0,80 | 1,50 |
| **Dokumentoj de Komunismo** . . . . . . . | | en preparo | |
| **Komunista Manifesto** . . . . . . . . . . . . | | " | " |
| **For la neŭtralismon** de Lanty (IIa eldono) . | | " | " |
| **Malnovaj n-roj de Sennacieca Revuo** propagandcele) . . . . . . . . . . . . . . . . . . | | 0,20 | 0,50 |

# LIVERKONDIĈOJ

La livero okazas **nur post antaŭa pago.** Oni pagu **nur per naciaj monbiletoj.** Poŝtmarkoj kaj respondkuponoj ne estas akceptataj.

# RIMARKIGOJ PRI PREZOJ

Modifoj de la prezoj estas rezervataj.
La unua prezkolono estas la **fundamentprezoj en Mk. g.,** kaj samtempe la **svisfrankaj prezoj por bonvalutaj landoj. Por kurzsuferantaj landoj, oni multobligu la fundamentprezon per** 1/2 **ŝlosilnombro oficiala** de la librista korporacio germ., ekscii per ĉiu libristo.
La dua prezkolono valoras **por mezvalutaj landoj en fr. fr.**
Por sendkostoj oni aldonu **10%** de la pagota sumo.
S.A.T.-anoj sciigantaj la membro-n-ron rajtas depreni **nur I ekz.** de ĉiu speco kun **20%** rab.